n-ro 29
1997-3
decembro 1997

# Esperanto en Azio



## Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 1998.*

Prezidanto: TAKEUTI Yoŝikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

LEE Jung-kee/ Seula Esperanto-Kulturcentro, CPO Kesto 3047 SEOUL 100-630, Koreio. tel.: +82-2-779-5936, aŭ 779-7216. fakso: +82-2-756-4859

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

## 1. Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Por 1998 ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble. Ne skribu pli ol du paĝojn, kaj pri aliaj petoj aparte turnu vin al koncernatoj, mi petas. Bonvenaj estas inaj kandidatoj, kiuj ege malmultas ankaŭ en 1997.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1997.

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono.

Limdato: fine de januaro 1998

SYÔZI Keiko (s-ino): ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japan / Japanio

## 2. La 2a Azia Kongreso de Esperanto

En la fino de novembro du el KAEM-anoj (s-roj TAKEUTI Yosikazu kaj Puramo CHONG) vizitis Vjetnamion kaj konsiliĝis pri la 2a Azia Kongreso de Esperanto kun vjetnamaj esperantistoj. Jen estas deciditaj aferoj:

loko: Hanojo

tempo: en la mezo de aŭgusto en 1999

kotizo: sama kiel en la Unua Kongreso en Ŝanhajo

detalojn vi vidos en la venonta nnumero

## 3. Vjetnamio nun

### 3.1 Hanoja Esperanto-Klubo (HANESPE)

Fondiĝinte en la etapo, kiam estis fondita Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA - 1956), HANESPE havas longan historion. En la komenco ĝi konsistis el intelektuloj. Ĝia membraro plimultiĝis iom post iom, kaj atingis diversajn tavolojn de la popolo en la ĉefurbo Hanojo.

Sur la vojo de disvastigo de la Esperanta movado, HANESPE renkontiĝis kun malfacilaĵoj. Ĝis la fino de la jaro 1996, la plejparto de la klubanoj estis maljunuloj, ĉar nur emeritoj havis tempon lerni Esperanton kaj partopreni en klub-kunsidoj. Krome, povosciinte la francan lingvon, ili lernis Esperanton facile kaj rapide. Sed junuloj estas la ĉefa forto de iu ajn organizo. Por tio, la estraro de HANESPE adoptis, en la komenco de 1997, la programon pri la junigo de la movado.

Unue ni organizis kurson por intelektuloj por kreskigi la nombron da instruistoj. Poste, elementaj kursoj estis organizitaj por studentoj kaj lernantoj de mezlernejoj, ĉefe dum somerferioj, ĉar dum la lernojaro ili ne havas libertempon. Geinstruistoj propravole oferis sian servon al senpagaj kursoj. Pro tio ke HANESPE ne havas kunsidejon por

kursĉambro, kelkaj instruistoj kaj lernantoj pruntedonis lokojn.

Por faciligi la lernadon de komencantoj, kiuj ne povoscias la francan aŭ anglan lingvon, ni eldonis nian propran lernolibron klarigitan en la vjetnama lingvo. De januaro ĝis nun jam finiĝis naŭ elementaj kursoj por junuloj. Dank' al tiuj kursoj la nombro de junaj klubanoj estas nun pli granda ol tiu de maljunuloj. Du aliaj kursoj ankoraŭ ne finiĝas.

Niaj kursoj daŭras nur tridek horojn. Ĉio estas ne sufiĉa, sed estas ne eble plilongigi ilin. Post finiĝo de la elementa kurso, la komencantoj devas atendi somerferiojn por havi tempon partopreni en duagradaj kursoj, antaŭ kiuj ili devas relerni gramatikajn regulojn kaj la vortojn jam forgesitajn, ĉar ili ne havas okazojn praktiki Esperanton dum kaj por la unuagradaj kursoj.

Niaj klubanoj, ĉefe la maljunaj, kunvenas ĉiusemajne en lernogrupo por perfektigi la lingvon. Krom libroj eldonitaj en fremdlandoj, ni uzas la gvidlibreton en kvar lingvoj (vjetnama, Esperanta, angla kaj franca lingvoj) verkitan de grupo da maljunaj anoj. Ni organizas vorto-ludojn en klubokunsidoj, kiuj okazas ĉiumonate, por helpi esperantiston rememori forgesitajn vortojn, kelkfoje ni organizas ekskurson por la sama celo.

Ĉiuj HANESPanoj klopodas perfektigi Esperanton. kontribui aktive al la disvastigo de la movado en nia ĉefurbo, kaj al la sukceso de la estonta Dua Azia Kongreso de Esperanto okazonta en Hanojo en la jaro 1999.

*BUI Xuan Thanh (estrarano de HANESPE)/ No. 35A to 48A, Khuong Trung Quan Thanh Xuan, Hanojo, Vjetnamio*

## 3.2 Laŭ informoj de s-roj Kumaki kaj Hukumoto el Japanio

En la fino de la lasta jaro 1996 du japanaj esperantistoj vizitis Vjetnamion. Unu estis s-ro KUMAKI Hideo, kiu estis invitita okaze de la kongreso memore al la 40a jariĝo de Vjetnama Esperanto-Asocio, kaj la alia estis s-ro HUKUMOTO Hirotugu. El la skribaĵoj de ambaŭ personoj redaktanto de "EeA" skizis nunan staton de Esperantujo en Vjetnamio.

La memora kongreso okazis en Hanojo en la 9a de decembro 1996 kaj en ĝi partoprenis ĉ. 70. Ankaŭ el Hochiminh-Urbo partoprenis kelkaj. Unue oni kantis la himnon de Vjetnamio kaj la kanton "La Espero". Multaj salutoj okazis en la vjetnama sen traduko al Esperanto. Oni elsendis la scenon per televido.

Nun Vjetnama Esperanto-Asocio preparas eldoni Vjetnama-Esperantan Vortaron, Esperanto-Vjetnaman Vortaron kaj Vortaron en kiu oni povas kompreni kunmetitajn vortojn el radikoj. Sed por tio mankas kapitalo. La asocio volas okazigi la Duan Azian Kongreson en Hanojo. Nun la asocio planas plifirmigi sian bazon kaj eduki junajn esperantistojn. Ili havas viglan kontakton kun amaskomunikiloj. Tamen por la kongreso necesas komputilo, kopiilo, telekopiilo kaj aliaj aparatoj. Por tio necesas pli ol 5000

dolaroj, sed multaj esperantistoj estas pensiuloj, aŭ salajruloj kun malmulta enspezo: ilia meznombra salajro estas ĉ. 50 dolaroj monate. Por havi pli riĉan vivon multaj fervore lernas la anglan lingvon, sed en Esperanto-kursoj kolektiĝas tre malmultaj.

Vjetnama Esperanto-Asocio estas tutlanda organizo oficiale sankciita en Internacia Amikeca Komitato. Krom ĝi estas Esperantaj organizoj de Hochiminh-Urbo kaj de Hanojo. Ambaŭ organizoj estas oficiale sankciitaj en Urba Popola Komitato kaj havas sian propran oficejon. Tamen pro financo la organizoj devas mem solvi la problemojn. En la fino de majo oni elektis 15 komitatanojn por la Azia Kongreso.

### 3.3 Laŭ letero de s-ro NGUYÊÑ Hop adresita al s-ro Kumaki,

S-ro NGUYÊÑ Hop estis la prezidanto de Hanoja Esperanto-Klubo. En la 20a de junio 1997 okazis ceremonio por la fondiĝo de Hanoja Esperanto-Asocio, kiu estis fondita en la 23a de majo. La plenumkomitato de HANEA konsitas el 15 membroj. Ĝia prezidanto estas NGUÊÑ Vieêt Chú, vicdirektoro de Hanoja Kultura kaj Informa Oficejo. S-ro NGUYÊÑ Hop organizis kurson de Esperanto, kiu havis 6 kursanojn. 4 el ili estis junaj gelernantoj. Nuna klubestro estas s-ino NGUÊÑ Thî Ngoc Lan.

*NGUYÊÑ Hop/ Nhá c. 25 Tó 62 Háo Nam P. ĴChoDúa-Q.DongDa, Hanoi, Vjetnamio*

### 3.4 S-ro NGUYÊÑ Do Khánh vojaĝis al Hanojo kaj Dánåñg

UEA-delegito de Hochiminh-Urbo vojaĝis dum 250 tagoj en Hanojo kaj Dánåñg por Esperanto-aktivado. Li renkontiĝis kun HONG Hac, la ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio kaj DANG Trâñ Thiét, la delegito de Hanojo. Li ĉeestis 16 fojojn en klub-kunsidoj, instruis, prelegis kaj ekspoziciis Esperantajn gazetojn. Poste li venis al la havenurbo Dánåñg, kiu situas en Centra Vjetnamio, kaj tie li restis 4 tagojn. Okazis renkontiĝo, prelego kaj vizitoj. Li donis diversajn lernilojn kaj propagandilojn al diversaj oficejoj. La vojaĝo estis sukcesa kaj efika. Li petas helpon de alilandaj esperantistoj per Esperantaĵoj.

*NGUYÊñ Do Khánh/ 19B XM Phúóc Long, Quân 9 TP Ho Chí-Minh, Vjetnamio*

### 3.5 Laŭ letero de Fenikso

Fenikso (s-ino HOANG Minh Phung) en Hochiminh-Urbo sukcese organizas Esperanto-Lernejon. Ĉeestas gedoktoroj kaj farmaciistoj de la Tradicia Medicina Instituto de Hochimin-Urbo.

*Fenikso (Hoang Minh Phung)/ 9-23 Dang Tran Con-Q1, Ho Chí-MinhUrbo, Vjetnamio*

# 4. *Furoris "Azia Agado" en Adelajda UK*

La publika kunsido de Azia Agado okazis la 25an de julio 1997 en porfaka ĉambro de la kongresejo, Konferenca Centro de Adelajdo, Aŭstralio. Ĉeestis senprecedence pli ol 70 kongresanoj, kiuj kovris ne nur Azion sed ankaŭ Aŭstralion kaj Eŭropon. Ĝin prezidis TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de KAEM.

En la lasta jaro (1996) KAEM iniciatis la 1an Azian Kongreson kun 584 aliĝintoj el 18 landoj kunlabore kun Ŝanhaja Esperanto-Asocio, kio sukcese lasis klaran postsignon en azia movado. La organo "Esperanto en Azio", kiun redaktas ges-roj Doj, bonorde aperis kvar fojojn jare. Kvankam ĝi distribuiĝas senpage al aziaj aktivuloj, la eldonon subtenas finance multaj japanoj pere de JEI (Japana Esperanto-Instituto) kaj UEA. Kadre de la projekto C aliĝis al UEA 63 aziaj esperantistoj: 45 el Ĉinio, 10 el Vjetnamio, 4 el Irano, po 1 el Taĝikio, Rusio, Bharato kaj Uzbekio. Pri landaj agadoj sinsekvis kvin raportoj:

LEE Nakkee, vicprezidanto de KEA (Korea Esperanto-Asocio), raportis ke oni preparis novan oficejon kaj okazigos Korean Kongreson en la 25a-26a de oktobro. LEE Jungkee denove ekinstruis la lingvon en Universitato Tangu unu horon semajne. Vendiĝas aŭtoj nomataj "Espero" kaj "Ĉielo", kio montras ke Esperanto tiris atenton de gravaj entreprenistoj en Koreio.

El JEI SYÔZI Keiko resumis varian aktivadon en Japanio: JEI havas 1422 membrojn kaj 41 filiojn tra la lando. La manifesto lanĉita en Prago interesis la estraron de JEI kaj fondiĝis komisiono por disvastigi la aferon. Kunlabore kun lokaj grupoj kaj aktivuloj JEI sukcese kolektis 941 subskribojn per ĝia japana versio. Ok fakoj de JEI, kiujn estras 11 direktoroj, jarkomence montris agadplanojn, kiuj parte koincidas kun la proponoj de "Kampanjo 2000". Okazis la 84a Japana Esperanto-Kongreso en Hirosima kun pli ol 400 partoprenantoj kaj 7 regionaj kongresoj kun ĉ. 600 totale. Komunan Seminarion inter Koreio, Ĉinio kaj Japanio organizis Japana Esperanto-Junularo en Okayama.

NGUYEN Dinh Long el Vjetnamio menciis modeste, ke troviĝas en la socio multaj malfacilaĵoj kiuj preventas progreson de Esperanto-movado.

Laŭ Mukunda Raj Pathik el Nepalo, parolas la lingvon 225 homoj inkluzive de lernantoj en Nepalo. Ili sukcese okazigis Internacian Himalajan Renkontiĝon, kiu denove havos lokon en februaro kaj marto 1998. Ili ofte propagandas pri Esperanto en ĵurnaloj kaj lernejoj, pro kio multaj homoj scias pri ĝi. Unu el la problemoj estas ke mankas lernolibroj kaj vortaroj. "Nepala movado ne aktivas sed malrapide marŝas", li konkludis.

LI Yuping de Ĉina Radio Internacia raportis: Ĉina movado havas longan historion, kaj pro tio multaj ĉinoj scias pri la lingvo kaj multaj junuloj lernas la lingvon. En preskaŭ ĉiuj provincoj troviĝas organizoj, super kiuj estas ĈEL(Ĉina Esperanto-Ligo), la tutlanda Ligo. Fortaj ligiloj inter esperantistoj estas "El Popola Ĉinio" kaj Ĉina Radio Internacia, kiu disaŭdigas Esperantajn programerojn ĉiutage al Azio, Aŭstralio, Eŭropo kaj

Latinameriko. Ŝi emfazis, "Aktivas kaj sinoferas multaj junuloj en Ĉinio, kio promesas pluajn prosperon kaj progreson de la movado."

Poste surpodiis ĉeestantoj el kelkaj landoj. EGAWA Harukuni el Japanio raportis pri eventoj, kiujn li mem iniciatis: Petite de UNESKO-grupo li sendis infanan koruson al Eŭropo, kaj li proponis kunordigi programon por konatiĝi kun eksterlandaj vivoj kaj kulturoj parte per Esperanto en sia urbo. Li tiel sukcesis malfermi kaj montri utilecon de la lingvo al lokaj homoj. HUZIMOTO Tatuo, respondeca pri eldona fako de JEI, prezentis konsiderindan ideon ke landaj asocioj povus komune eldoni bazan lernolibron por glatigi lernadon de azianoj, por kiuj Esperanto ne facilas. LEE Jungkee, nova membro de KAEM, esprimis ardan deziron fari plejon por azia movado, kontaktante esperantistojn en progresantaj landoj. Rilate al "Kampanjo 2000" LEE Chong-Yeong, la prezidanto de UEA, petis ke KEA, ĈEL kaj JEI montru sian konkretan laborplanon al aliaj landaj asocioj, tiel ke azia movado estu motoro de Kampanjo 2000.

Estus ĝojinde ke la fakkunsido pri azia movado bonorde organiziĝis kadre de UK ankaŭ ĉi-jare kaj informiĝis freŝaj raportoj kaj opinioj rekte de la koncernatoj. Mi nur bedaŭras, ke mankis al ni tempo pritrakti la diskutindajn temojn, ekzemple komunan lernolibron kaj "Kampanjo 2000". Sendube ili estus gravaj temoj ankaŭ por la 2a Azia Kongreso en 1999.

*Raportis SYÔZI Keiko*

# 5. Okazos

## 5.1 La 2a Internacia Himalaja Renkontiĝo

tempo: 1998-02-26 ~ 03-07
loko: Nepalo
organizas: Nepala Esperanto-Asocio/ IHR-Komitato
adreso: Sierra Travel and Tours (p) LTD. PO Box 3565, Kathmandu, Nepalo
tel.: +977-1-222985
fakso: +977-1-228194
detalojn vidu n-ron 28 de "Esperanto en Azio"

## 5.2 Scienc-teknika Konferenco (enkadre de kiu funkcios la sekcio "Esperanto en Scienco kaj Tekniko")

tempo: 1998-04-22~26
loko: Vladivostoko (Rusio)
detalojn petu de:

*Aleksandr Titajev, prezidanto de Esperanto-Klubo "Pacifiko" / Teknika Universitato, str. Puŝkinskaja, 10, 690600 Vladivostok, Rusio. tel.: +7-4232-268769. fakso: +7-4232-261689. E-poŝto: espero@pub.marine.su*

## 5.3 Junulara Renkontiĝo

tempo: 1998-07-01~06

loko: Vladivostoko (Rusio)

detalojn petu de: Aleksandr Titajev (vd. ĉi-supre)

## 5.4 La Sesa Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto

tempo: 1998-08-19~25

loko: Pekino

temo: "La 21a jarcento - pere de scienc-tekniko por la evoluo de ekonomio

laborlingvo: Esperanto kaj ĉina

detalojn petu de:

*Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio sub Ĉina Akademio de Sciencoj/ N. 52, Sanlihe, Beijing CN-100864 Ĉinio. fakso: +86-10-6851-2458; E-poŝto: lrf@lasgsgi4.iap.ac.cn*

# 6. Okazis

## 6.1 La 3a Yanbiana Kongreso de Esperanto

tempo: 1997-03-22

loko: Yânji (en la provinco Jilin/ Ĉinio)

ĉeestis: pli ol 80.

La kongreso okazis por festi la 10an datrevenon de la fondiĝo de Yanbiana Esperanto-Asocio. Oni elektis novajn estraranojn de la asocio: Wu Rengao kiel la prezidanto, Brilavoj Li kiel la ĝenerala sekretario. En pasintaj 10 jaroj oni okazigis 29-foje diversajn Esperanto-kursojn kaj nun la asocio havas 500 membrojn. Yanbiana televido, Radio-elsendo kaj ĵurnaloj kaj gazetoj raportis pri la kongreso.

*Brilavoj Li/ 51-2-11 Xinhua Jie Yanji, CN-133000, Jilin, Ĉinio*

(red. Yanbian estas aŭtonomia regiono de korea nacio en la orienta parto de la provinco Jilin. La informanto sendis foton de la kongreso, kaj sur ĝi ni vidas trilingvan skribaĵon pri la kongreso (en Esperanto, la korea kaj ĉina)

## 6.2 Trilanda Islama Renkontiĝo

tempo: 1997-04-27

loko: en Aachen/ Germanio

ĉeestis: ĉ. 50.

organizis: "SENLIME"

La renkontiĝo estas por islamaj esperantistoj el tri landoj (Nederlando, Germanio kaj Belgio). Tie ĉ. 10 temoj estis diskutitaj. Cele al la renkontiĝo Universala Islama Esperanto-Asocio (UIEA) eldonis broŝuron "Tezoj pri la islamo", kiu konsistas el 10 demandoj kaj respondoj diskutotaj en la renkontiĝo. Pri la renkontiĝo kelkaj pakistanaj tagĵurnaloj skribis artikolojn, kaj multaj legantoj reagis al la artikoloj.

*Universala Islama Esperanto-Asocio/ prof. Allama Muztar Abbasi, Lower Mall, Murre-47150 Pakistan*

(rim.: Allama Muztar Abbasi fondis Pakistanan Esperanto-Asocion en 1978 kaj li estas fama religiano de islamo kaj lingvisto.)

## 6.3 La Unua Nord-orienta Ĉina Kongreso de Esperanto

tempo: 1997-06-06~08

loko: Dandong (en la provinco Liaoning, najbare de Norda Koreio)

iniciatis: Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) kaj ĝia filio en Dandong

ĉeestis: pli ol 70 el 4 provincoj ( Heilongjiang, Jilin, Liaoning kaj Henan)

temo: "Area kontakto, kunlaboro kaj evoluo per Esperanto"

Surbaze de opinioj kaj proponoj el la kunsidoj formiĝis jenaj komunaj vidpunktoj: 1) evidentiĝas pli gravaj oftaj aranĝoj de area kontakto en Esperanto-movado laŭ ĉina kuranta kondiĉo, 2) kompare kun la 80aj jaroj tre mankas la ĉefforto al ĉina Esperanto-movado, 3) oni ne povas ignori internacian kontakton: ĉinaj esperatntistoj bezonas oftan viziton de alilandaj esperantistoj, kio iagrade akcelas lokan Esperanto-movadon aŭ altigon de Esperanta nivelo. Du rezultoj naskiĝis en la kongresa sukceso: unu estis Deklaracio de Dandong pri la Unua Nord-Orienta Ĉina Kongreso de Esperanto; la alia estis la plano pri la Unua Nord-Orienta Azia Kongreso de Esperanto, kiu okazu en la fino de ĉi tiu jarcento aŭ en la komenco de la venonta jarcento.

*WU Guojiang (vic-ĝenerala sekretario de LEA )/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, Fushun CN-113008, Liaoning, Ĉinio. tel.: +86-4131-2331153 (o), +86-413-7100871 (h). fakso: +86-413-2332207*

## 6.4 Naskiĝfesto de Esperanto en Vladivostoko

tempo: 1997-07-26

loko: Vladivostoko (Rusio)

ĉeestis: pli ol 40

La festo estis dediĉita al 110-jariĝo de Esperanto. Antaŭ la tago la loka ŝtata radio trifoje informis pri la solena kunveno kaj invitis dezirantojn. Krome du regionaj ĵurnaloj "Vladivostok" kaj "Utro Rossi" (Mateno de Rusio) detale informis pri la evento.

En ĝi partoprenis ankaŭ el aliaj urboj de Fora Oriento: Magadan, Nahodka kaj Artjem. La geklubanoj kaj gastoj aŭskultis prelegon de Aleksandr TITAJEV pri Ludoviko Zamenhof kaj la mondskala Esperanto-movado. Aparte estis menciita la eminenta rolo de Fedor POSTNIKOV kaj Vladimir NEUPOKOEV en startigo kaj evoluigo de la movado en Fora Oriento de Rusio en la fino de la pasinta kaj en la komenco de la nuna jarcento. Estis ankaŭ prezentita la distra programo: Stanislav MICKEVIĈ kaj muzikensemblo "Melodio" plenumis la kantojn ruse kaj Esperante. German DUDĈENK prezentis versojn kaj originalan krucvortenigmon, la junulara grupo de Esperanto-Klubo "Pacifiko" gvide de Andrej ŜIPILOV aranĝis Esperanto-teatraĵetojn. Dum teado estis aŭskultita la lasta kasedo de la sonrevuo "Voĉo de Amikeco" ricevita el urbo Armavir.

*Aleksandr TITAJEV, prezidanto de Esperanto-Klubo "Pacifiko" / Teknika Universitato, str. Puŝkinskaja, 10, 690600 çladivostok, Rusio. tel.: +7-4232-268769. fakso: +7-4232-261689. E-poŝto: espero@pub.marine.su*

## 6.5 La 84a Japana Esperanto-Kongreso

tempo: 1997-08-08~10

loko: Aŭa Ikeda en Ŝikoku

organizis: Japana Esperanto-Instituto

kunlaboris: Ŝikoku Esperanto-Ligo kaj Ikeda-Filio de Esperanto-Propaganda Asocio

helpis: Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj, Hirosima Esperanto-Societo kaj Okayama Esperanto-Societo

aliĝis: 447 (realaj ĉeestantoj estas 306)

temo: "Esperanto - pacperanto el nia urbeto"

Al la urbeto Ikeda, kies loĝantoj estas ĉ. 2000, kolektiĝis pli ol 300 esperantistoj el la tuta lando, kaj ankaŭ el Pollando kaj Kubo. Por sukcesigi la kongreson laboradis unuanime esperantistoj en Ŝikoku, kiuj loĝas tute dise. Ili ofte kolektiĝis el malproksimaj lokoj por konsiliĝo kaj kunlaboro. En la kongreso rimarkindis ankaŭ aktiveco de nevidantaj esperantistoj: KATAOKA Tadasi faris memoran prelegon sub la temo "Esperanto kaj mi", en kiu li parolis pri siaj spertoj kiel nevidanta esperantisto kaj pri Esperanto-movado de nevidantoj en Japanio. Ankaŭ kongresa memoraĵo estis lia japanlingva libro "Esperanto prilumas la mondon por blinduloj - Historio de Esperanto-Movado de la

blindaj esprantistoj". En la inaŭguro kaj ferma soleno alia nevidanta esperantisto TANAKA Teiiĉi pianoakompanis al la kantadao de "La Esperao" kaj "La Tagiĝo". Alia rimarkindaĵo videblis en programeroj aranĝitaj de lokaj esperantistoj. Loka tradicia pupteatraĵo estis prezentita. Multaj spektantoj larmis en la prezentado pro la malĝoja rakonto. Kvankam la prezentado okazis japanlingve, lokaj esperantistoj preparis Esperantan tekston de la rakonto kaj donis al la kongresanoj libroforme kiel alian memoraĵon. Ankaŭ loka populara danco Aŭa-Danco altiris kaj ĝojigis bankedantojn. Tre multaj kune dancis laŭ la ritmo. Simpatie al la urbeto Ikeda en Aŭa, Esperanto-Societo en Ikeda en la gubernio Osako prezentis noan teatraĵon en Esperanto, kies tekston tradukis lastjare forpasinta eminenta esperantisto SAKAMOTO Syôzi. Okazis variaj programeroj: prelego pri nuna stato de eks-Jugoslavio fare de KIKUSIMA Kazuko, tiu pri lingvaj problemoj en Eŭropo, fare de Lode VAN DE VELDE, simpozio pri agado de ĝemelaj urboj, studraporta kunsido, kunsidoj de "Azia Agado", de "5-jaraj Projektoj de JEI", de delegitoj de UEA en Japanio, de "Praga Manifesto". Okazis multaj fakaj kunsidoj: goo, japana ŝako, radio-amatoroj, sciencistoj kaj medicinistoj, blinduloj, SAT, budhanoj, rilathistorio inter Koreio kaj Japanio, virinoj, junularo kaj turismo, Esperanto-edukado en lernejoj ktp. Ne mankis ankaŭ ekskursoj: al la templo Haŝikura kaj al la kanjono Ooboke kaj la ponto Kazura-baŝi.

*raportis DOI Ĉieko*

## *6.6 La Dua Simpozio pri rilato-historio inter koreio kaj Japanio*

tempo: 1997-08-29~31

loko: Junulara kaj Studenta Centro en Koobe (Japanio)

organizis: Esperanto-grupo por komuna lernolibro pri historio

ĉeestis: 23 el Japanio kaj 7 el Koreio

temo: "Azia Pacifika Milito kaj memoroj pri ĝi"

Ĉi-foje la organizanto alvokis kunlaboron al fakuloj pri historio kaj partoprenon al neesperantista publiko. Oni invitis du prelegantojn: MIZUNO Naoki, kiu estas vicprofesoro de la Universitato de Kioto, prelegis japanlingve sub la temo "La Japana Koloniado al Koreio kaj Azia Pacifika Milito", kaj So Gilsu, kiu estas profesoro de Universitato Sokyong kaj direktoro de Koguryo-Instituto, prelegis Esperante sub la temo " Ideologio por starigi ĝustan rilaton inter Koreio kaj Japanio: teorio pri frateco de ambaŭ landoj". Krom la simpoziaj ĉeestantoj aŭskultis 25 homoj. Oni ne interpretis, ĉar oni deziris trakti la tri lingvojn tutegale. Tamen por ke ĉiuj komprenu, la organizanto preparis tekston de la prelego en la tri lingvoj. Pri liberaj paroloj post la prelegoj oni interpretis en la japanan kaj Esperanton.

Krom la prelego en la simpozio okazis diskutoj pri jenaj 5 temoj. Prezidis Joel BROZOVSKY.

1) “Kion mi sentis kiel homo, kiel japano, leginte en aziaj lernolibroj pri la Azia Pacifika Milito, kiun Japanio komencis?” (Raportis NISIO Tutomu.) “Kiel kontraŭstari kaj reagi al japanaj imperialistoj kaj ĝiaj aprobantoj?” (Raportis Ho Song.)

2) “Pri seksaj sklavoj, alivorte konsolistinoj, en Azia Pacifika Milito” (Raportis TAHIRA Masako.) “Pri nunaj vivoj de iamaj militaj konsolistinoj en Koreio” (Raportis CHOI Yun-huy) “Pri problemoj skribitaj pri *militaj konsolistinoj* en lernolibro de altlernejoj en Japanio” (Raportis SASANUMA Kazuhiro.)

3) “Kiel oni skribas pri japana regado super Koreio en altlernejaj lernolibroj pri monda historio en Japanio?” (Raportis MIYAKE Eizi.) “Pri kelkaj problemoj de edukado pri historio en (ne nur) Japanio kaj nia movado por la nova lernolibro” (Raportis KIMURA Gorô.)

(Speciala Diskuto) “Pri liberalisma koncepto pri historio kaj ĝia problemo” (Raportis TANI Hiroyuki.)

4) “Pri Tennoo Hirohito kaj Azia Pacifika Milito” (Raportis TERAĴIMA Toŝio.) “Koreaj popoloj ĉion perdis sub la politiko de japanigo de koreoj”(Raportis KIM Yangsun.)

5) “Pri Medicino kaj Moralo” (Raportis Bak Fachong.) “Kion mi heredis kaj kion mi faras - historieto de unu japano, kiu vivis en Seulo en la jaroj de Azia Pacifika Milito?” (raportis YAMAMOTO Sintarô)

*kontakt-adreso: NISIO Tutomu/Takadono 4-13-3, Asahi-ku, Oosaka, JP-535 Japanio. tel. +81-6-958-2503. fakso: +81-6-958-2504. E-poŝto: NBG02407@niftyserve.or.jp*

# 7. Novaĵoj

## 7.1 Eldoniĝis nova libro en Bharato

En Bharato (Hindio) eldoniĝis Vortlibro kun krokizo de gramatiko Esperanta, verkita de Syam Sundar Pal. La libro kun 162 paĝoj èstas vortlibro kun konciza klarigo de Esperanta gramatiko en la angla kaj bengala. Ĝi kostas 20 rupiojn. Se vi volas havi, havu kontakton kun:

*Federacio Esperanto de Bharato (Calcutta)/ 545 G T Road (South) 2nd floor, Room 216 HOWRAH 711 101, Hindio*

## 7.2 Ĉu UK denove en Ĉinio?

La urba registaro de Chengde (en la provinco Hebei, Ĉinio) pretas sankcii ke en la jaro 2003, okaze de la 300-jariĝo de la Imperiestra Someruma Montvilao, la urbo akceptu la 88-an UK. Bv. skribi leteron por subteni tiun proponon.

*LIU Jie/ Poŝtokesto 88, CN-067000, Chengde-a Esperanto-Asocio, Chengde, Hebei, Ĉinio*

## 7.3 Esperanto-klaso en lernejo en Japanio

En la venonta aprilo komenciĝos Esperanto-klaso en supera mezlernejo, kie laboras esperantistino-instruistino de la angla lingvo. 42 gelernantoj jam aliĝis al la klaso. Ilia aĝo estas 17 aŭ 18. Sendu leterojn aŭ kartojn al lernantoj venontjare (1998)

*Adreso de la lernejo: Nippa Koko/ 1348 Nippa-cho, Kohoku-ku, Yokohama, 223 Japanio. fakso: +81-45-545-7794*

*instruistino: KITAGAWA Ikuko*

## 7.4 Nova delegito en Kuvajto

De ĉi tiu jaro en UEA-jarlibro aperis delegito de Kuvajto:

*Farŝideh Arabshahi/ PO Box 126 Safat, 13002 Kuwait tel.(h) +965-5730053, (of) +965-4812123 fakso: (of)+965-483-9959. E-poŝto: Srajan @kisr.edu.kw*

Ŝi estas irana esperantistino nun loĝanta en Kuvajto, kaj laboras kiel komputilistino en iu firmao.

## 7.5 Novaĵoj el Pakistano

### 7.5.1 En Unique Muslim Academy (en Murree)

Instruistinoj kaj lernantinoj de altgrada klaso lernas Esperanton.

### 7.5.2 Fama taĝurnalo "Jang Daily"

Ĝi aperigis artikolon pri Esperanto. Pro tio Informa Centro de Pakistana Esperanto-Asocio ricevis multajn leterojn kun deziro lerni Esperanton. Ankaŭ Ŝtata Televido dissendis enkondukan programon por Esperanto.

(el "Facila Esperanto". kontakt-adreso: vd. p.19)

## 7.6. Esperanta Filatelaĵo Memore al Amikeco inter Ĉinio kaj Japanio

Verda Majo (HASEGAWA Teru, 1912-03-07 ~ 1947-01-10) estas fama japana esperantistino, internaciisma batalantino kaj antaŭirantino de la ĉina-japana amikeco. Ŝi naskiĝis la 7an de marto 1912 en Saruhashi-vilaĝo (hodiaŭa Saruhashi-urbeto de Otsuki-urbo) de Yamanashi-perfektujo de Japanio. En 1936 ŝi edziniĝis al esperantisto LIU Ren

(1909-09-13 ~ 1947-04-22), ĉina studento lernanta en Japanio. La 19an de aprilo 1937 ŝi venis al Ĉinio, kune batalis kun la ĉina popolo kaj multe kontribuis al la ĉina rezistmilito kaj al la progresa afero de la homaro. Ŝin alte laŭdis la eminentuloj ZHOU Enlai, DENG Yingchao, GUO Moruo kaj aliaj. Por memorigi ŝin oni starigis monumenton kaj maŭzoleon de la geedzoj Verda Majo kaj LIU Ren en la urbo Jiamusi de la provinco Heilongjian en Nordorienta Ĉinio. Antaŭ 15 jaroj, okaze de la 70a datreveno de ŝia naskiĝo kaj la 35a de ŝia forpaso la Ĉina Esperanto-Eldonejo kolektis ŝiajn verkojn kaj tradukojn en Esperanto kaj eldonis libron "Verkoj de Verda Majo". En Ĉinio kaj Japanio oni eldonis ŝiajn verkojn ankaŭ en lingvoj ĉina kaj japana. Oni publikigis ankaŭ multajn literaturaĵojn kaj artaĵojn por propagandi kaj memorigi samideaninon Verda Majo, i.a. la televida filmo "La Stelo Sopiranta Hejmlandon" kun titolo surskribita de ĉina gvidanto DENG Xiaoping allogis multajn spektantojn.




En la kuranta jaro estas la 85a datreveno de la naskiĝo de Verda Majo kaj la 50a de ŝia forpaso, kaj estas ankaŭ la 25a datreveno de la normaligo de la diplomatiaj rilatoj inter Ĉinio kaj Japanio. Por memorigi ĉi tiujn gravajn festojn kaj akceli amikecon inter ĉinaj kaj japanaj esperantistoj kaj popoloj, la Pekina Poŝta Administracio, Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Fremdaj Landoj, Ĉina Societo "Amikoj de Esperanto", Ĉina Esperanto-Ligo, Esperanto-Asocio sub Ĉina Akademio de Sciencoj, Pekina Esperanto-Asocio kaj Chongqing-a Esperanto-Asocio kune faris delikate desegnitan Esperantan filatelaĵon. Sur ĝia bildo estas portretoj de la geedzoj Verda Majo kaj LIU Ren, ĉirkaŭataj de prunfloroj, sakuroj, pinfingroj, verda stelo kaj du ligitaj koroj kaj tio simblas la eternan amikecon inter ĉinaj kaj japanaj esperantistoj kaj popoloj.

纪念著名日本世界语者国际主义战士
中日友好事业的先行者绿川英子同志
陳昊蘇题




MEMORE AL SAMIDEANINO VERDA MAJO
FAMA JAPANA ESPERANTISTINO.
INTERNACIISMA BATALANTINO.
ANTAŬIRANTINO DE ĈINA-JAPANA AMIKECO

La titolon de la Esperanta filatelaĵo ("Memore al Samideaninô Verda Majo, Fama Japana Esperantistino, Internaciisma Batalantino, Antaŭirantino de Ĉina-Japana Amikeco" en ĉinaj ideogramoj) surskribis samideano CHEN Haosu, vicdirektoro de la Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Fremdaj Landoj. Heredante volon de sia patro CHEN Yi, fama marŝalo amata de la popolo, li fervore subtenas Esperantajn aferojn. Li mem lernas Esperanton. Nun li estas vicprezidanto de la ĉina societo "Amikoj de Esperanto", vicprezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo kaj honora prezidanto de la Pekina Esperanto-Asocio. Li propagandis en diversaj kunvenoj la funkcion kaj utilecon de Esperanto en internaciaj kontaktoj kaj aliaj flankoj.

Desegnintoj de la Esperanta filatelaĵo: XIE Shaoxing kaj TAN Ailing.

*raportas* QIN *Kaiji: Filatela Societo de Pekina Esperanto-Asocio, Chegongzhuang Xilu 35-hao, 5-6-641 CN-100044 Beijing, Ĉinio*

## 7.7 Esperanto-ekzameno en Ĉinio

Ĉiujare kelkdek esperantistoj elektis Esperanton kiel unu el fremdaj lingvoj por ekzameniĝi celante promociiĝon de sia posteno, kaj relative multaj el ili estis esperantistoj en Dalian, Shenyang kaj Fushun, kiuj estas en la provinco Liaoning (Nord-orienta parto de Ĉinio).

Sed marte de 1996, Liaoning-provinca Posteno-Promocia Oficejo (LPPO) subite deklaris, ke ekde la jaro 1996 Esperanto ne estos ekzamena objekto en la provinco. Tiu ĉi decido tuj kaŭzis maltrankvilon de esperantistaj ekzamenotoj.

Fakte en 1963 La Eduka Ministerio de Ĉina Popola Respubliko decidis, ke Esperanto estu instruata en lernejoj kiel unu el nedevigaj fremdaj lingvoj. Kvankam la plenumado de la decido devis interrompiĝi en la periodo de la Kultura Revolucio, en 1982 post la revolucia finiĝo la decido revalidiĝis. En nuna Ĉinio, kompare kun ekonomie fortaj lingvoj, kiel la angla, franca, germana, japana ktp, Esperanto estas sola lingvo allogi popolojn je interesa lernobjekto.

Fronte al la decido esperantistoj en la provinco Liaoning ekstaris kaj vizitadis la oficejon por ĉesigi la decidon. Unuflanke Liaoning-a Esperanto-Asocio havis aktivan kontakton kaj persvadis LPPO-anojn per propra travivaĵo, samtempe skribe raportis atingon akiritan en ĉiu kampo per Esperanto, kaj profunde klarigis signifon kaj valoron de Esperanto en nuntempa Ĉinio. Aliflanke instigite de la asocio unuopaj esperantistoj ofte telefonis al la oficejo aŭ vizitadis ĝin por veki atenton. Tiel la oficejo provizore ĉesigis la decidon, sed ĝi sciigis ke ĝi ne havas rajton nuligi la decidon, ĉar tio dependas de ŝtataj koncernaj departementoj. Do laŭ la konsilo de la oficistoj, esperantistoj vizitadis la departementojn en Pekino. S-ro GENG Liyan, estrarano de LEA (nuna direktoro de oficejo de LEA en Dalian) preskaŭ ĉiumonate vizitis Pekinon de marto ĝis oktobro. S-ro ZHANG Zhiming, ĝenerala sekretario de LEA, aktive parolis pri Esperanto en LPPO. S-ro WANG Renhu, prezidanto de LEA, preskaŭ flanken lasis sian laboron por vizitadi. Ankaŭ s-ro WU Goujian, vicĝenerala sekretario de LEA, vizitis Pekinon. Tia klopodo ne estis vana. Finfine ni gajnis sankcion de la ŝtataj departementoj kaj de la provincoj. La decido estis nuligita en decembro 1996, kaj ekde la jaro 1997 Esperanto reaperis en lingvaj ekzamenoj por posten-promociiĝo. Aŭguste de 1997 por pruvi la nuligon s-ro WU Guojiang enketis la aliĝintojn en Dalian kaj Fushun: Ĝia rezulto estis kontentiga. Ĉiu aliĝinto en la ekzameno laŭdezire ekzameniĝis.

*WU Guojiang/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Liaoning, Ĉinio. tel.: +86-413-2331153 (o), 413-7100871(h). fakso: +86-413-2332207*

## 7.8 Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio/ Ĉinio

Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio (IAEA) estas fondita en la fino de 1996. IAEA eldonas la sciencan organon "Internacia Agrikulturo", kun 20 paĝoj kaj 3-4 numeroj jare. Membriĝ-abon-kotizo: 6 USD. La organo "Internacia Agrikulturo" bezonas sciencajn artikolojn pri agrikulturo, hortikulturo, arbarkulturo, bestbredado, akvoproduktado, planta protekto, ekologio, kaj agrikulturaj biologio, kemio, meterologio, medioprotekto, ekonomio, edukado kaj rilataj sciencoj, eĉ kampara turismo. Nuntempe IAEA bezonas ankaŭ sciencajn manuskriptojn pri la menciitaj fakoj celante eldoni specialajn librojn. Se vi volas ricevi provekzempleron de "Internacia Agrikulturo", bonvolu sendi monbiletojn de 2 USD en koverto al:

*sekretario kaj kasito de IAEA, HUANG Yinbao/ Jingchuan Xian Kewei, CN-744300, Gansu, Ĉinio. tel.: +86-933-3321004 (o), +86-933-3322812 (h), fakkso: +86-933-3321148*

# 8. Historio/ Vladivostoko

Skiza informo pri Esperanto-movado en Vladivostoko

La Unua Esperanto-Societo en Azio estis fondita en la jaro 1891 en Vladivostoko. Dank' al la Vladivostoka Societo "Espero" Esperanto iĝis konata al ĉinoj (en Ŝanhajo kaj Ĥarbino) , al japana eminenta verkisto FUTABATEJ Ŝimej (1902), kiu poste eldonis la unuan Esperanto-lernolibron por japanoj. Unu el la unuaj prezidantoj de la Esperanto-Societo Fedor POSTNIKOV pro la politikaj kaŭzoj elmigris al Usono (Kalifornio) en 1905 kaj tie fondis Esperanto-societon kaj Esperanto-ĵurnalon. Dum la jaroj 1905~1912 la Esperanto-Societon gvidis eminenta prezidanto Vladimir NEUPOKOEV, direktoro de Mara Lernejo kaj prezidanto de Mara Societo. Ĉi tie dum la civila milito (1918 ~1920) gvidis kursojn mondkonata Esperanto-verkisto Julio BAGHY; Vladivostokon vizitis kelkfoje rusa verkisto Vasilij EROSENKO, kiu estis konata al multaj ĉinaj kaj japanaj esperantistoj. Eminenta rusa inĝeniero Kazi-Girej, kiu gvidis la konstruadon de la Ĉina-Orienta Fervojo, gvidis ankaŭ Ĥarbinan Esperanto-Societon kaj ofte vizitis Vladivostokon.

Krom Vladivostoko Esperanto-societoj funkciis ankaŭ en aliaj urboj de For-Oriento: Ĥabarovsk, Blagoveŝĉensk kaj Ĉita. Dum la jaroj 1937~1957 Esperanto-movado en Rusio malvigliĝis pro la politikaj persekutoj kaj renaskiĝis nur post la Internacia Festivalo de Junularo kaj Studentoj. Estis fonditaj Esperanto-kluboj en Blagoveŝĉensk, Ĥabarovsk, Petropavlovsk-Kamĉatskij, Magadan, Tommoto (Jakutio) kaj Vladivostoko. La nova Esperanto-societo, nomita Esperanto-klubo "Pacifiko" estis fondita en la jaro 1980; dum lastaj 15 jaroj Esperanto-kursojn finis 300 personoj, sed Esperanto-klubo konsistas nur el 15 pagintaj membroj.

La plej valoraj eventoj de la klubo:

1984: regiona konferenco pri interlingvistiko kaj internacia edukado

1985: internacia ekspozicio de infanaj desegnaĵoj

1990: akcepto de la japana OOMOTO-karavano; regiona Esperanto-konferenco

1991: akcepto de la japana Esperanto-delegacio gvide de UMEDA Yosimi

1992: internacia Esperanto-simpozio "Pacifiko: lingvo, kulturo, kunlaboro", kiun partoprenis UMEDA Yosimi, DEGUĈI Kjotaro, AGOU Takaŝi, ZOU Guoxiang, YU Tao, LEE Jung-kee kaj aliaj ĉinaj, japanaj, koreaj kaj rusaj geesperantistoj

1993: akcepto de ĉinaj ĵurnalistoj de "El Popola Ĉinio"

1995: akcepto de Esperanto-volontuloj el Ĉinio, Japanio kaj Koreio; fondiĝo de Pacifika Akademia Centro de ASAIS San Marino

1997-Internacia Studenta Scienc-teknika Kongreso de Azi-Pacifikaj Landoj, kie laborlingvoj estis angla, Esperanta kaj rusa; la klubo aliĝis al UNESKO-kluboj

*Aleksandr TITAJEV, prezidanto de Esperanto-Klubo "Pacifiko" / Teknika Universitato, str. Puŝkinskaja, 10, 690600 Vladivostok, Rusio. tel.: +7-4232-268769. fakso: +7-4232-261689. E-poŝto: espero@pub.marine.su*

# 9. Leteroj de legantoj

## 9.1 Fushun, Ĉinio 1997-10-22

Ŝajnas al mi, ke ĉi-jare mi estas tiel okupita, ke mi ne havas tempon redakti nian organon "Verda Stelo". Lastatempe vi ricevis la organon, kiun provizore redaktis s-ro WANG Ronhu, prezidanto de Liaoning-a Esperanto-Asocio. (red.: vd. p. 20 de n-ro 28 de "EeA") Post longa vizitado (red.: vd. p. 14~15) mi vere estas tro laca en korpo kaj koro.

Mi reagadas por la Unua Nord-Orienta Azia Kongreso de Esperanto. En lastaj tagoj mi vaste kontaktis personojn en ĉiu kampo por la kongreso. Ni jam gajnis sankcion de la koncernaj departementoj inkluzive ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo). Ni tre esperas, ke la koncernaj landoj kaj plimultaj esperantistoj povos partopreni en ĝi.

Antaŭ kelkaj jaroj mi jam interrilatiĝis kun "EeA". Post praktika pruvo, "EeA" ja estas ponto ligi esperantistojn en Azio, kaj vere fariĝas fenestro de interŝanĝo. Mi sincere esperas, ke ĉiu leganto plimulte prizorgos ĝin.

Nuntempe mi jam fondis etan Esperanto-referencejon. En la lasta monato mi komplete bindis ĉiujn Esperanto-revuojn inkluzive EeA (sed ne kompleta). Mi preparas fondi urban Esperanto-ĉambron, nome Fushuan Esperanto-Legoĉambro. Ĝi celas interese allogi pli multajn personojn lerni Esperanton aŭ scii Esperanton. Sed mi ne scias, ĉu mi sukcesos aŭ ne.

*WU Guojiang (adreson vd. p.15)*

(red.: Ni povos sendi al vi mankantajn numerojn, se la numeroj restas ĉe ni. Sed pri numeroj, kiuj restas ĉe ni je nur unu ekzemplero, ni ne povas sendi, ĉar ni ne povas kopie multobligi ilin pro manko de tempo. Se vi, legantoj, deziras ricevi mankantajn numerojn, skribu al ni, kaj se eblus, en la okazo sendu al ni unu internacian respond-kuponon por unu ekzemplero.)

## *9.2 Hanojo, Vjetnamio 1997-10-20* (letero al la prezidanto de KAEM)

Mi estas individua membro de UEA kaj estrarano de Hanoja Esperanto-Klubo (HANESPE) en Vjetnamio. Mi ĵus ricevis la fotokopiojn de kelkaj numeroj de "Esperanto en Azio" el samideano en Hochiminh-Urbo. Iliaj informoj pri la movado en aziaj landoj kaj la opinioj de aziaj esperantistoj koncerne la internacian movadon kaj la specialajn aferojn de tiu en Azio estas tre interesaj kaj utilaj.

Mi atentas la projektojn pri la movado en Azio publikigitaj en la bulteno, kaj precipe pri la punkto A-2: interŝanĝadi informojn regule. En aziaj landoj, la movado disvolviĝas malsame. Ĝi estas forta en Japanio, Koreio kaj Ĉinio, sed restas nur en la komenca etapo en aliaj landoj. Mi pensas, ke la interŝanĝado de spertoj kaj informoj estas tre necesa.

Mi volus informi al KAEM, kion HANESPE faris kaj faros por disvastigi la internacian lingvon kaj disvolvi la movadon en Hanojo. Ĉi-kune mi sendas al vi la artikolon rilate al la agado de HANESPE. (vd. p. 3)

Mi petas vin provizi la bibliotekon de nia klubo per "Esperanto en Azio" kaj necesaj presaĵoj, kaj sciigi al la estraro de HANESPE viajn rimarkojn kaj konsilojn, kiuj certe helpos vin multe, ĉefe en la preparado pro la Dua Azia Kongreso de Esperanto.

*BUI Xuan Thianh (adreson vd. p. 4)*

## *9.3 Hanojo, Vjetnamio, 1997-10-24* (letero al la prezidanto de KAEM)

Mi estas emerita instruistino de fremdlingvoj (la franca kaj angla lingvoj), sed mi ankoraŭ instruas ilin, kaj mi estas ĉefestraranino de HANESPE. Nun mi estas instruanta la 24an elementan Esperanto-kurson kaj alian por tiuj, kiuj jam havas bazan nivelon. Mi gvidas ilin praktiki paroladon, sed estas malfacile por mi ĉar lernolibroj mankas. La biblioteko de nia klubo havas nur tre malnovajn librojn kaj gazetojn. Estante membro de UEA kaj ILEI, mi ricevas regule la gazetojn "Esperanto" kaj "Internacia Pedagogia Revuo", kiujn mi donas al la biblioteko post legado.

La 11 kursoj de ĉi-jaro provizis al Hanoja movado junajn anojn kiuj partoprenas en la preparado por la Dua Azia Kongreso de Esperanto.

Al vi ĉiuj mi deziras bonan sukceson en via agado por la disvolviĝo de la movado en Azio.

NGUYEN Thi Ngoe Lan/ HANESPE, 20 Lo Su, Hanojo, Vjetnamio

## 10. Helpon! Oni serĉas eldonanton!

Laŭ normaj dokumentoj pri akupunktoj (akupunkturaj punktoj) far de MOS (WHO) kaj la registaro de Ĉinio, Esperanto-lingva "Manlibro pri Punktoj de Zhenjiu (Akupunkturo kaj Mokso)" estas kompilita kaj preta por eldoni. La libro priskribas nomajn signifojn, precizajn lokojn kaj indikojn de la akupunktoj. Kelkaj utilaj materialoj estas aldonitaj. Kompilinto estas PENG Jianjun, vicprezidanto de Ĉina Medicina Esperanto-Asocio. La kompilado estis kontrolita de prof. WANG Desheg, provizora konsilisto de MOS-Regiona labora grupo pri normigado de akupunktura nomenklaturo. La kompilinto serĉas Esperanto-eldoniston pri tiu temo. Se vi interesiĝas, havu kontakton kun:

*PENG Jianjun/ Chezhan Xincun 484, Xujiapeng, Wuchang, CN-430062 Wuhan, Ĉinio*

*E-poŝto de lia amiko: dedhea @ public.wh.hb.cn*

## 11. Deziras korespondi pakistanaj esperantistoj

Skribu al Centra Oficejo de Pakistana Esperanto Asocio:

*Siddeeq Public School/ Asghar Mail Road, Rawalpindi, 46000 Pakistan*

## 12. Ricevitaj organoj

### 12.1 "Penseo"

la monata beletra revueto en Esperanto; n-ro 69(1997-07), n-ro 70(1997-08), n-ro 71 (1997-09), n-ro 72 (1997-10); 27x19cm; 4-paĝa; Esperanta; ĉefredaktoro: SHI Chengtai; eldonas Donghu-a Esperanto-Domo/ PENG Zhengming/ Fujiapo. Meiyuan Xiaoqu 301-3-2, Hubei, WUHAN 430070 Ĉinio

### 12.2 "Fenestro"

du-monata informilo de Federacio Esperanto de Bharato; (1997-08); 25.2x19cm; 8-paĝa; angla kaj Esperanta; redaktas PV Ranganayakulu; PO Box 12 TIRUPATI NORTH 517 507 Andhra Pradesh

### 12.3 "IREJO - Bulteno"

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo; n-roj 19-20 (1997-07), A-5; 20-paĝa; Esperanta kaj la persa;

redaktas M.Reza Torabi (prezidanto de IREJO). adreso: P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano. tel.: +98-21-6236913 fakso: +98-21-6233901 E-poŝto: IREJO@neda.net

## 12.4 "Facila Esperanto"

Monata Informilo de Esperanto-Movado En Pakistano; n-ro 25 (1997-07/08), A-5; 20-paĝa; Esperanta kaj la urdua;

Centra Oficejo de Pakistana Esperanto-Asocio: prof. Muhammad Shideq Cheema/ Siddeeq Public School, Asghar Mall Road, Rawalpindi, 46000 Pakstan. tel.: +92-51-453898

# 13. Kontribuoj

Jenaj 44 personoj (grupoj) kontribuis sume 153,100 enojn.

AIHARA Misako, ASAMI Masako, DEGUĈI Kjoutaro, DOI Ĉieko, Esperanto-Biblioteko en Katalunio, Esperanto-Ligo de Ŝikoku, Esperanto-Propaganda Asocio, GOTOU Hitosi, GOTOU Kazumi, HORI Yasuo, HOTTA Hirohiko, HUZIMOTO Tatuo, HUZISIMA Tosiko, IMAZU Touiti, ITAGAKI Akiko, KAKEHI Kunimaro, KATOO Iwao, KATOO Keiko, KAWAI Takasi, KOSAKA Kiyoyuki, KUMAKI Hideo, MATUDA Hisako, Hylco MIEDEMA, MITUKAWA Sumiko, MIYAZAWA Naoto, MIYOSHI Etsuro, NISIMURA Yosihiro, NIWA Masahisa, NOMURA Tadatuna, OOISI Akira, SAITOU Tomoko, SASAKI Rituko, SATOO Eizi, SATOO Ŝooiĉi, SIBAYAMA Zyun'iti, SUGIHARA Tadasi, SYÔZI Keiko, TAHIRA Masako, TAKEHANA To, TEZUKA Susumu, UEDA Tomohiko, YOSIDA Humitake, YOSIMURA Tetuzi

**Vian kontribuon al Projektoj por Azia Movado ni elkore atendas.**

•*Parolas la redaktantoj:* Tempo pasas tro rapide, kaj restas nur naŭ tagoj ĝis la jarfino. Ni volis eldoni ĉi tiun numeron pli frue. Tamen pro niaj privataj aferoj ni ne povis dediĉi niajn monatojn al tiu ĉi laboro.
En ĉi tiu numero vi legas multe pri Vjetnamio. Post malpli ol du jaroj en Vjetnamio okazos la Dua Azia Kongreso de Esperanto. Sed ni scias tro malmulte pri Vjetnamio; interalie malmultas informo pri nuna stato de Esperanto-movado kaj ankaŭ pri ĉiutaga vivo, kulturo ktp. Ni volas aperigi multajn artikolojn pri Vjetnamio. Tial vjetnamaj esperantistoj sendu artikolojn laŭeble multe. Kaj tiamaniere ni povos interesi aziajn esperantistojn pri Vjetnamio kaj la Dua Azia Kongreso.
Al ĉiuj legantoj kaj subtenantoj de nia bulteno ni deziras sanon, feliĉon, prosperon kaj ĉion bonan por la nova jaro 1998! *(1997-12-21 DOJ Ĉ.kaj H.)*